# La Karavelo

*Beletra Esperanto-Revuo pri la Portugallingva Literaturo*

*Fondita de João José Santos, en Portugalio, en oktobro 2007*

*n-ro 008*
*majo 2008*




## *La esperantisma amikeco ne trovas aĝajn barojn...*




**En la foto:**

**Kapitano António da Silva Almeida kaj João Pereira dos Santos en la libroservo de Port.E.A. antaŭ ĉirkaŭ 15 jaroj**

*Denaskismo... Kaboverdo (paĝoj 19 ĝis 24)*



# La Karavelo n-ro 008 majo 2008


| | | |
|---|---|---|
| 1 | Kovrilo | El la redaktejo |
| 2 | Enhavo – Kolofono | El la redaktejo |
| 3 | Denaskismo... ĉu konvena? | João José Santos |
| 5 | Fernando Pessoa (poezio)<br>Mesaĝo (23-a, 24-a) | João José Santos |
| 6 | Bocage (poezio)<br>Blua okul', mien' bruna,...<br>El foraj landoj venas... | Fabricio Possebon |
| 7 | Nekonata naĝantino<br>Karolo La Granda<br>(poemoj) | Dimitrije Janicic<br>Gerrit Berveling |
| 8 | En la ventro de patrino<br>Tri poemoj printempaj<br>(poemoj) | Luiza Carol<br>Nikolaj Neĉaev |
| 9 | La homoj diras<br>Eglanterio<br>(poemoj) | Edward Jaśkiewicz<br>Leo De Cooman |
| 10 | Albert Wass<br>Mesaĝo hejmen (poemo) | Tibor J. Szabadi |
| 11 | Elek Benedek (rakonto)<br>Mondbela fraŭlino Kanotigo | Imre Szabó |
| 15 | Eça de Queirós<br>La trezoro (rakonto) | Eduardo Novembro |
| 19 | Kiam mia filo min patrigis<br>(poemo, denaskismo) | João José Santos |
| 20 | Marta<br>(poemo, denaskismo) | António Martins-Tuválkin |
| 21 | Kaboverdo kaj Portugalio...<br>man-en-mane... (pri libro) | João José Santos |
| 22 | La mondo ne permesas<br>metafizikon (poemo) | João Pereira Santos |
| 23 | Rezistado<br>La muziko laŭ la elmigrinto<br>(poemoj) | Irlando Ferreira |
| 24 | Fotoraporteto<br>Kaboverdo | João José Santos |


**Noto por blindaj homoj:**

**Ekde ĉi tiu numero, La Karavelo metas subskribojn sub ĉiuj fotoj, bildoj kaj anoncoj, por informi pri kiu kampo temas.**

**Ĉi tiu zorgo enkadriĝas en pli vasta laboro cele al faciligo de legado al blindaj homoj.**

**Se vi estas blinda, aŭ laboras pri blindeco, bonvole venigu viajn sugestojn al lakaravelo@gmail.com**

## Kolofono


***Konstantaj verkistoj...***
*Eduardo Novembro*
*Edward Jaśkiewicz*
*Francisco Stefano Wechsler*
*Geraldo Mattos*
*Gerrit Berveling*
*Imre Szabó*
*Irina Mironova*
*João José Santos*
*Leo De Cooman*
*Luiza Carol*
*Nikolaj Neĉaev*
*Paulo Sérgio Viana*
*Roger de Castro Gotardi*
*Tibor J. Szabadi*
*Valentin Melnikov*

***Redaktisto***
*João José Santos*
***Asistanto pri dramo***
*João Pereira dos Santos*
***Reviziistoj***
*Roger de Castro Gotardi*
*Kurt Fischer*
*Luiza Carol* **(pri La Barko, studate)**



***Telefono:*** +351 268 919 000
***PoŝTel.:*** +351 960 13 15 15

***Adreso:***
*LA KARAVELO*
Fonte Velha, caixa 3003
7100-078 Estremoz – Portugal


***Recenzeblaj libroj:*** estu sendotaj al la supra adreso.

***Reguloj:*** Pri la principoj, labormaniero kaj reguloj de La Karavelo, nepre elŝutu la dosieron Regularo de La Karavelo, el la ĉefa paĝo de nia retejo. Ĝi estas konstante aktualigata.


www.esperantopt.com

lakaravelo@gmail.com

*El la redaktejo...*



Foto de João José Santos

# Denaskismo... ... ĉu konvena?

**de João José Santos**

***Pri la temo kaj rilatantaj aferoj, legu ankaŭ de la paĝo 19 ĝis 24.***







***Fotoj prenitaj de Rosalina Xarepe, en la vilaĝo "Fronteira", ĉ. 40km diste de Estremozo, en la 10-a de junio 2008, feria tago de Kamonio, de Portugalio kaj de la Portugallingvaj Komunumoj, en Portugalio.***

***La blanka manika t-ĉemizo, kies antaŭa kaj posta partoj aperas en la fotoj, estis mane arte pentrita de Mia Mendes por ŝia amiko João José Santos, omaĝe al La Karavelo.***

***Jen Rosalina (la fotinto), jen Mia (la pentristo), estas abonantoj de La Karavelo kaj intencas lerni esperanton.***

## GAPANTA PAĈJO

Skribante pri denaskismo, mi ne kapablas prisilenti la sperton de juna bavanta patro, por kiu la naskiĝo de la unua filo estis kvazaŭ la aŭskultado de la voĉo de Dio. Kelkaj el tiuj, kiuj patriĝis aŭ patriniĝis, certe komprenas ĉi tiun gapon.

## PANJO AKUŜAS.

## KAJ PAĈJO? KION LI FARAS?

Joĉjo naskiĝis en sabato. Mi veturigis lian patrinon al akuŝejo, kie kuracistoj forpelis min, dirante ke mi povus reveni... post horoj. Kion fari!? Jes, sinjorinoj! En tiaj situacioj, la baldaŭa panjo scias kion fari: akuŝi. Sed kio pri la baldaŭa paĉjo!? Kion li faru!? Nu, mi ne havis tiun problemon. Mi faris tion, kion tiam mi kutimis fari sabate matene: instrui esperanton en spiritista asocio, en Lisbono, nomita "Centro Espírita Perdão e Caridade". Tio okazis antaŭ preskaŭ 20 jaroj, en la 25-a de junio 1988.

## DECIDEMA INSTRUI ESPERANTON...

## ... AL LA BEBO

La decido estis jam farita: mi intencis paroli kun mia filo nur en esperanto. Tiam, mi jam ricevis la pridenaskismajn revuojn ĝentile senditajn de Renato Corsetti kaj Anna Lowenstein (ankoraŭfoje, dankon al ili!), kaj mi voris tiujn paĝojn por lerni pri la spertoj de aliaj gepatroj, kies gefiloj estis denaskuloj. Memfida, jen mi komencis paroli kun mia bebo nur en esperanto, kvankam tio neniam estis okazinta antaŭe en Portugalio. Jes, leganto! Eĉ tiuj stultetaj frazoj plenaj je amo kaj tenero, mi eldiris al mia filo nur en esperanto! La patrino de la bebo, lerninta iom da esperanto dum malmulta tempo, en kurso por komencantoj, aprezis la ideon. La familio kaj amikoj miris, ke mi ne parolis portugale kun la bebo, sed post multaj klarigoj, ĉiuj komprenis, ke mi estis firme decidinta paroli kun mia filo en la zamenhofa lingvo. Kun mi Joĉjo parolis en esperanto, en P.E.A. same, kaj kun ĉiuj aliaj homoj, en la portugala.

Kiam Joĉjo 6-jariĝis, mi decidis ekparoli kun li ankaŭ en la portugala, ĉar ne sencus helpi la infanon en matematiko aŭ en la portugala lingvo, per esperanto, por ke poste li vortumu la ideojn, en la lernejo, en la portugala. Esperanto ne destiniĝas al komplikado de la vivo de la infanoj, sed

male. Do, de tiam ĝis nun, jen ni parolas en esperanto, jen en la portugala.

### POST 19 JAROJ...

Nun Johano estas preskaŭ 20-jaraĝa, licenciiĝas pri dramaturgio, interesiĝas pri lingvoj, literaturoj, kaj artoj ĝenerale. Esperanton li amas, sed por li multe pli gravas surscenigi dramon ol movadumi en esperantio; por li, pli gravas legi dramon de Ĉekovo, ol perfektigi sian esperanton; por li multe pli gravas legi Homeron, ol legi La Karavelon... Kiel reagas la patro? Laŭ la ununura ebla deca maniero: respektante la elektojn de la filo.

Mia dua filo, Franĉjo, nun preskaŭ 14 jaraĝa, kiam estis 3-jaraĝa, diris al mi eksplicite: "Mi ne volas tiun lingvon, kiun vi parolas kun Joĉjo!" Kaj de tiam ĝis nun, ne mi, kaj ne la frato, parolis kun li en esperanto, respektante tiel la liberon de Francisko. Nun, Francisko pentas pri sia iama infana decido, kaj asertas, ke plaĉus al li iam lerni esperanton. Tamen, ĉu li ŝatus paroli esperanton, se perforte oni devigus lin lerni ĝin? Certe ne! La vivo estas farita ankaŭ el elektoj, kaj ĉiuj ni ricevas la konsekvencojn de tiuj elektoj. Estas do juste, ke oni elektu en libero. Se esperanto pretendas fariĝi ilo por la homara toleremo, kaj pacigilo inter la nacioj, la teniĝo de esperantista patro devas agordiĝi kun tiuj ĉefaj elementoj de la esperantisma kulturo.

Kiun konkludon oni devas preni el denaskismo? Ĉu ke ĝi ne efikas en la infanedukado, ĉar por kelkaj estus logike, ke Johano fariĝu entuziasma movadano? Tute ne. Kiel patro kaj kiel esperantisto mi atingis miajn celojn.

### KONSEKVENCOJ DE DENASKISMO

La dulingvismo donis al Johano plezuron lerni aliajn lingvojn. La logika gramatika sistemo de esperanto strukturis lian menson al racia, do laŭĉena, pensmaniero. Sed, multe pli grave ol tio, per esperanto, li lernis la toleremon, la akceptemon de la diferenco, la kulturvariecon.

Edukiko estas scienco, kies provoj estas neripeteblaj, ĉar la sama infano ne povas esti edukata dufoje, tiel ke oni povu provi kaj kontroli la teoriojn. Fakte, oni ne scias kio estus okazinta, se la patro ne estus esperantisto, sed oni scias ke tiaj fortaj literaturaj emoj ekzistas en li, kaj kredeble la humanisma edukado farita surbaze de esperanto prilaboris naturajn emojn de la infano.

Espo-denaskismo estas maniero eduki la gefilojn, ne por muldi ilin laŭ la bildo de la gepatroj, sed por enkonduki la infanojn en la civitanecon kaj en la kulturon, surbaze de validaj etikaj principoj. Esperanto havas sian rolon, en edukado de infanoj, kiel lingvo kaj kiel kulturo, kie reliefiĝas la valoroj rilatantaj la toleremon. Tamen, neniu edukas la gefilojn nur centrite sur esperanto. Multaj aliaj fakoj, spertoj kaj travivaĵoj, de la muziko al la simpla promenado, havas nepran rolon en edukado de infanoj. Esperanto estas, inter multaj aliaj, altvalora elemento, sed, kompreneble, ne la ununura. Ĝia valoro, en edukado, similas al ĉiuj bonaĵoj kiujn la homaro nur havis ekde iu epoko, sed kiuj poste fariĝis neanstataŭeblaj. Ĉu eŭropanoj vivas nuntempe sen televizio, komputilo aŭ poŝtelefono? Ĉu sen libroj? Ankaŭ la esperantistoj ne vivas sen esperanto, ne pro tio ke ni estus fanatikuloj, kiel kelkaj opinias (eĉ esperantistoj!), sed pro tio ke la bonaĵoj alportitaj de esperanto al la vivo de la esperantisto estas tiel kompensaj, ke ofte la esperantisto donas sufiĉe grandan spacon de sia vivo al aferoj kiuj iel tuŝas esperanton.

### KONKLUDO

Do, la celo de espo-edukado estas la utiligo de la esperanta lingvo kaj kulturo en la kompleksa proceso de preparado de infano por vivi en mondo maljusta kaj danĝera, sen transformi la infanon en maljustulo kaj danĝerulo, sed kontraŭe lin donante kulturilojn, kiuj helpu la estontan adolton agi pozitive, juste kaj progreseme.

Tiuj kiuj asertas, ke esperanto estas nur lingvo, ne komprenas ĝiajn latentajn fortojn, kiuj havas gravan valoron en la konstruado de pli bona mondo.

www.esperantopt.com

*El la portugala muzo...*

# Mesaĝo

***de Fernando Pesoo***

***trad. João José Santos, el la portugala***

## 4. LA MONSTRAĈO[1]

La monstraĉo kiu stas[2] en marfino,
en nokto peĉnigra levis sin fluge;
trifoje li flugis ĉirkaŭ la navo[3],
trifoje li flugis kaj knaris knaris,
kaj diris: "Kiu aŭdacis enveni
en miajn kavernojn, kiujn mi kaŝas
sub nigraj plafonoj de mondofino?"
Kaj jen la rudristo diris trem-treme:
"La Reĝo Johan' La Dua!"

"Stas kies la veloj, kien mi tuŝas?
Stas kies la kiloj, kiujn mi vidas?"
La monstro diris, kaj giris trifoje,
trifoje sordida giris kaj plumpa.
"Kiu venas por povi mian povon,
mi kiu loĝas kaŝita de ĉiuj
kaj eĉ la profundan maron timigas?"
Kaj jen la rudristo trem-treme diris:
"La Reĝo Johan' la Dua!"

Trifoje de rudro manojn li levis,
trifoje al rudro manojn li fiksis,
kaj diris postkiam tremis trifoje:
"Ĉi tie ĉe rudro mi stas pli ol mi[4]:
mi stas Popol' volanta vian maron;
kaj pli ol la monstro min timiganta,
kiu en la nigra mondfino giras,
vol' regas, gluante min al ĉi rudro,
de Reĝo Johan' la Dua!"

---

1 La portugala originaĵo uzas rimon, kiun oni ne restigas en la esperanta traduko. La versa ritmo similas al la origina, kaj ankaŭ la tropojn oni restigis preskaŭ ĉiam.
Oni preferas doni al la esperanta leganto la lingvan fluon kaj kadencon de la originaĵo, ol la rimojn kies uzado nepre tordus, jen sintakse jen semantike, la frazojn. Tio donus nenaturan misfluon al modernista poemo, kio estus maladekvata.

2 Same kiel *estas.* Foje, en poezio, ĝi aperas kun apostrofo, *'stas*.

3 Novvorto de la tradukisto, el la portugala *nau.* Latinvelaj ŝipoj, kun tri mastoj, uzataj de la portugaloj en la 15-a kaj 16-a jarcentoj en la tramaraj malkovroj. Fakte, tiel kiel karavelo kaj barko, inter multaj aliaj, navo estas speco de ŝipo. Kompreneble, esperanto devas enhavi specifajn vortojn por specifaj konceptoj, kiel okazas en la aliaj lingvoj.

4 Oni legu kvazaŭ *ol mi* estus nur unu vorto, do *olmi*.



***Foto: Statuo de Giganto Adamastoro, la Monstraĉo, mitigo de Kabo de Turmentoj, ankaŭ nomigita Kabo de Bonespero. Ĝi situas proksime de Kaburbo, en sudo de Sudafriko. La statuo staras en Lisbono, en ĝardeno de Sankta Katarino.***

***Kabo de Turmentoj estis transpasita, unuafoje, far la portugalia navigisto Bartolomeu Dias, en 1487.***

***Por pliaj informoj, legu en La Karavelo n-ro 4, paĝo 9. Rimarku la specifan manieron poezii la saman historian okazaĵon, far la klasikisto Kamonio (16-a jc.), kaj far la modernisto Pesoo (20-a jc.).***

## 5. EPITAFO AL BARTOLOMEŬO DIASO

Eterne kuŝas Kapitan' de l' Fino
en fora plaĝ'. Turnita la Angoro,
la maro sama stas: ne ĝin plu timu!
Atlaso, montru la mondon surŝultre.

**lakaravelo@gmail.com**

*El la portugala muzo...*


Foto de Fabricio Possebon.

***de Bokaĝo***

***trad. Fabricio Possebon, verkis la biografiojn.***

***Fabricio Possebon***

estas Magistro kaj Doktoro pri Klasikaj Studoj. Profesoro pri klasikaj lingvoj ĉe la Federacia Universitato de Paraíba, Brazilo. Li aktivas ĉe la universitata fako pri Sciencoj de la Religioj. Kiel tradukanto, publikigis, en la portugala, Batrakomiomakion de Homero, La Sagaon de Mem de Sá de José de Anchieta, Antologion el Rigvedo, inter aliaj.

***BOKAĜO [1]***

naskiĝis en Setubalo[2], Portugalio, en 1765. Li estis multflanka kulturpersono, kun verkema talento, kiu vivis bohemie. Kiel membro de la literatura akademio "Nova Arcádia", li havigis al si multajn malamikojn, pri kiuj li sarkasme verkis diversajn poemojn. El lia plurkolora bukedo, ni trovas sonetojn, odojn, kanzonojn, elegiojn, satirojn, kvarversaĵojn kaj ankaŭ erotikajn kaj mokemajn poemojn. Kiel tradukanto, el la latina venis fragmento de *La Metamorfozoj* de Ovidio kaj *Eklogoj* de Vergilio. Dumvive li konis la poetan gloron kaj, pro sia nestabila karaktero, li fine estis enkarcerigita. Bocage mortis malriĉa kaj malsana, en 1805. Nia unua provtraduko estas unu el tiaj sonetoj verkitaj por ridigi liajn malamikojn. La dua estas aŭtobiografio, sendube mokema, kiel la lasta verso nete montras.

1 Portugale: "Manuel Maria Barbosa du Bocage"
2 Portugale: "Setúbal"


***Bildo: Bokaĝo (1765-1805)***

Al S-ro Tomé Barbosa de Figueiredo de Almeida Cardoso,
oficisto pri lingvoj ĉe la Sekretariejo pri Eksterlandaj Aferoj

El foraj landoj venas sen bedaŭro
iu malsaĝulaĉo malgrandfama.
Estas lia librar' ora kaj ama,
kaj liaj konoj estas lia laŭro.

Balbutas perse, blekas kiel maŭro,
scias ke turke estas Di' ĉiama
Alaho, kaj go greke estas gama,
*taurus* en la latina estas taŭro.

El arbaro li venas por vortbato,
jen giganta eltrov' kaj ĝu' de nano,
simias, kaj miaŭas kiel kato.

Proze kaj verse, montras sin infano.
Ĉu ne estas, legant', en ĉi ornato
Tomé Barbosa, bela ĉarlatano?

*  *  *

Blua okul', mien' bruna, maldika,
mez-alta, kaj ne tre eta piedo,
en la vizaĝo nur tristo kaj tedo,
alta nazo, ne eta kaj komika.

Mistrafa por afero tre efika,
pli gravas furioz' ol amo-cedo.
Oferita al li estas bufedo,
ja infera veneno malamika.

Fidemulo per multaj plenoferoj
al virinoj, sed ne al Di' iele,
kaj por pastr' kaj frat' restas nur koleroj.

Jen Bocage, en kiu lumis bele
ia talento, fonto de ĉi veroj,
iam, kiam li fekis subĉiele.

*En karavelo esperantisma...*


Foto de Dimitrije Janicic.

**de Dimitrije Janicic**

# Nekonata naĝantino

Mi sidis sur rivera bordo
libera de tumulto vendreda
kaj de postebrio lunda.

Estis dimanĉa tagomezo.
Miaj pensoj vagis
ĝuste kiel libeloj
por kiuj tago estas eterno.

Tiam alnaĝis ŝi
vestita nur per akva ĉemizo.

Somero adiaŭantis,
aŭtuno komencis senvestigi
la verdan vestaĵon de arboj
kaj mi kviete silentis
kaj karesis ŝin per rigardo.

Ŝi ekstaris en malprofundejo
senkonscia de mia rigardo
kaj gutoj de akvo sur ŝia
bruniĝinta haŭto
transformiĝis en perlojn.

Ŝi levis la manojn
por glatigi la malsekajn harojn.
Min frapis la rozoj de ŝiaj mamoj
per rektiĝinta pistilo de cicoj.

Kiam ŝi rimarkis min
vualo de honto
kovris ŝian vizaĝon.
Mi havis impreson
ke l' ĉielo etendiĝas
pro sopiro.

Ŝi petole
ekmovis per belaj koksoj
kaj denove vestis
la klarecon de riverakvo
dum mi restis
rigardi en malpleno.


**Bildo: Blondulino en riveraj akvoj.**

* * * * * * * * * * *

*El la fora latina...*


Foto de Gerrit Berveling.

**de Karolo La Granda**
**("Karolus Magnus" aŭ "Charlemagne", 742-814)**

**trad. Gerrit Berveling,**
**el la latina**

**poemo n-ro 9 pri sia mortinta amiko Rolando**

Vi returniĝis patrien, min lasis en trista ĉi mondo,
en ĉielbril' loĝas *vi* - *ni* en larma ĉi mond'.
Festis lustrumojn vi ses, vi kuraĝa krome ok jarojn (1);
retro stelaren vi nun iras, rabite el ter'.
Vi civitano fariĝis ĉe l' manĝo en Paradizo:
plendas tial la mond', ĝojas honoron ĉiel'.

Noto 1: Lustrumo - festo de kvinjariĝo; Rolando, do, aĝis 38 jarojn.


Foto de Luiza Carol.

*En karavelo esperantisma...*

**de Luiza Carol**

## En la ventro de patrino

En la ventro de patrino,
eta frato aŭ fratino
kaŝas sin.
Li aŭ ŝi neniam ploras,
ĉar la dentoj ne doloras
lin aŭ ŝin.

En la ventro de patrino,
nun anĝel' aŭ anĝelino
kaŝas sin.
Logis ĝi min per rideto!
Mi, en ultrasonbildeto
vidis ĝin.

Ŝajnas ĝi kiel nebulo,
kiel ombro en spegulo,
kredu min!
Senzorganta kaj sekura,
naĝas ĝi en akvo pura,
fidu min!

En la ventro de patrino,
eta frato aŭ fratino
kaŝas sin.
Li aŭ ŝi neniam ploras,
ĉar la dentoj ne doloras
lin aŭ ŝin.


Bildo: Ventro de gravedulo.

*En karavelo esperantisma...*


Foto de Nikolaj Neĉaev.

**de Nikolaj Neĉaev**

### Pomarbo

**Ekfloras arbo poma,
Ekblankas branĉ' aroma,
Ekversas koro homa...**

### Primavero

**Pri primavero
Per manifest',
Per rima vero,
Per versa fest',
Per poezio,
Per versaĵet',
Per iluzio,
Far de poet'.**

### Ĉe primavero

**Ĉeprimaveras
Mi februare.
Por marto peras
La vers' deklare
Per ĉiu nervo,
Per kora movo
Pri juna vervo,
Pri varma blovo.**

Bildo: kampara pejzaĝo.

*El ukraina vervo...*


Foto de
Edward Jaśkiewicz.

***de nekonata aŭtoro***

***trad. Edward Jaśkiewicz***

# La homoj diras

La homoj diras, ke dum printempo
en verda bosko la kukol' kukolas,
kiam vekiĝas ĉiu matentempo,
tiel ĝi feliĉon aŭguri nin volas.

Ĉu profeti nin sorton ĝi taŭgas kaj pravas
sen infanoj estante kaj sen la domo
se mem ĝi sorton malpli bonan havas,
malpli feliĉan ol havas ĝin homo?

Mi entute ne kredas ĝian vokadon
malgajan kaj surdan pro l' soleco
kaj mi ne obeas ian sciigadon
de l' konata birdo pro sia orfeco.

Mi mem trovos iam la feliĉan celon
kaj sen kukolaj profetaj vokoj,
se mi revenos sub patrujan ĉielon
al belaj, dnepraj[1], abruptaj rokoj.


***Foto: Eglanterio; flava koro kaj kvin petaloj helrozaj, kiel diras la poemo de Gezelle.***

1 Aludo al la rivero Dnepro, kiu fluas de Rusio tra Belarusio al Ukrainio.

*El la nederlanda florado...*


Foto de
Leo De Cooman.

***de Guido Gezelle, 1860***

***trad. Leo De Cooman***

# Eglanterio

***(sud-nederlande: Eglantiere, rooske, rooske)***

Eglanterio, roza rozo,
odoron vian mi preferas
pli ol de aliaj rozoj
aŭ de iu ajna flor';
Vian pure flavan koron
vi ne kaŝas, tute ne,
kvin petalojn pale ruĝajn
kaj hararon bele krispan;
aliajn virtojn vi ja havas;
ĉarma estas via nomo,
ĝi signifas forte bekan
pikiltrunkon, ĉu ne vere?


***Foto: Arbusto de eglanterioj inter siaj verdaĵoj.***

Hungario bukedas...


Foto de Tibor J. Szabadi.

**de Albert Wass**

**trad. Tibor J. Szabadi**


**Foto: Roko pli alta ol larĝa, turnita ĉielen.**

# Mesaĝo hejmen

**(hungare: Üzenet haza; Bajer-arbaro, 1948)**

Mi mesaĝas al la hejmaj montoj:
la stelo-irado estas varia.
Leĝojn havas la ventoj,
pluvoj, neĝoj, nuboj
kaj ne estas malsereno, eterneco
la akvo kuras, la ŝtono restas,
la ŝtono restas.
Mi mesaĝas al la tero: nur kresku,
ankaŭ tiam, se akrido ronĝas la semitaĵon.
Se talpo plugas la radikon.
Super la mondo gardostaras la Ordo.
Kaj ne perdiĝas la nobla grenero,
sed nek famo estos de l' urtiko,
kaj la tempo formanĝos la sarkaĵojn.
La akvo kuras, la ŝtono restas,
la ŝtono restas.
Mi mesaĝas al arbaro: ne timu,
se klakados la hakiloj.
Ĉar estas pli forta la arbo ol ĝi,
kaj el sanga stumpo dum printempo
nova arbaro ĝermos triumfe.
Ankoraŭ estos arboj,
kiam la rusto
la mortigan feron jam antaŭlonge voris
kaj la frapa mano kun sankta saluto estas
sub la tero por utilaĵo…
La akvo kuras, la ŝtono restas,
la ŝtono restas.
Mi mesaĝas al la domo, kiu min edukis:
se ĝin komplete ruinigos,
post generacio-ŝanĝoj
refosos la fundamenton
kaj sur pramorala blanka ŝtono
oni altigos muron, tegmenton, preĝejon.
Venos mil novaj *Kőmíves Kelemen*,
kiu ne per cindro kaj hom-sango
konstruos la muron de l' paco,
sed per sanktakvo kaj pano
kaj konstruos el la praŝtono novan domon.
Mi mesaĝas al la domo, kiu min edukis:
la fundamento devenas de Dio
kaj de Li devenas la volo,
kiu denove konstruos la murojn.
La akvo kuras, sed la ŝtono restas,
la ŝtono restas.
Kaj mi mesaĝas al miaj eksamikoj,
kiuj neis mian nomon:
se denove turnos la rado,
mi ankaŭ tiam restos ilia amiko
kaj ne venos de mi venĝo, malamo, kolero.
Donu manon al unu la alia kaj ni iros
kaj ni estos Unu Celo kaj Unu Volo:
la akvo kuras. Sed la ŝtono restas,
la ŝtono restas.
Kaj mi mesaĝas al ĉiuj:
al frato, parenco, fremdulo,
maliculo, bonulo, fidelulo
kaj al kanajlo,
kaj al tiu, kiun doloro pelas,
de kiu sango makulis manojn:
atentu kaj preĝu!
Ie supre sub la alta ĉielo
jam malrapide moviĝis la steloj
kaj la akvo kuras kaj nur la ŝtono restas,
la ŝtono restas.
Restos la veruloj kaj la bonuloj.
La puraj kaj la pacemaj.
Arbaroj, montoj, ideoj kaj homoj.
Ĉiu bone trapensu, kion vi agados!
En la ĉielo jam la zorgaj anĝeloj
preparos la kribrilon
oleas la spindelojn de steloj.
Kaj venos denove turniĝo de steloj
kiel pri ĝi heroldas la Biblio:
mezurota estos la filo de homo
kiu kiel semis, tiel rikoltos.
Ĉar forkuros la akvo kaj nur la ŝtono restas,
sed la ŝtono restas.

*El la hungara haveno...*


Foto de Imre Szabó

# Mondbela Fraŭlino Kanotigo

**(hungare: Világszép Nádszál kisasszony)**

**de Elek Benedek**

**trad. Imre Szabó**

Ĉu estis, ĉu ne estis, eĉ trans sepoble sep landoj, eĉ trans la Operencia maro, eĉ laman spanon for trans la vitromonto, estis foje reĝo kaj liaj du filoj.

La pli aĝa filo apenaŭ plenkreskinta, liaj lipharoj apenaŭ ekkreskis, edziĝis al bela reĝidino, sed la plej malgrandan vane instigis la patro. Li diris, ke li ne edziĝos ĝis li ne trovos la reĝidinon plej belan en la tuta mondo.

— Nu, ŝin vane vi serĉos — diris la frato — ĉar la plej bela reĝfraŭlino edziniĝis al mi mem.

— Jes ja, belas via edzino — diris la reĝido — sed mi ne kredas, ke ne ekzistas eĉ pli bela en tiu ĉi mondo.

Aŭdas tiun ĉi parolon la eduka mamnutristino de la plej malgranda filo.

Kiam la plej aĝa reĝido foriris, ŝi diris al la eta reĝido:

— Vere vi diris bone, ke en tiu ĉi mondo estas reĝidino pli bela ol la edzino de via frato. Sed nek via frato, nek lia edzino malkovros por vi kie, ĉar la mondbela fraŭlino estas la plej juna fratino de la edzino de via frato.

— Nu certe, se ŝi estas tiu, mi tuj iras trovi ŝin.

— Haltu iom, fileto — diras la maljunulino — vi ne trovos ŝin en la domo de ŝia patro. Ŝi estas kaŝita en kanotigo. Ĉu vi aŭdis famon pri la Nigra Maro? Sur la sepdek-sepa insulo de la Nigra Maro estas tri kanotigoj, en la meza estas la mondbela reĝidino, en la du apudaj ŝiaj du ĉambristinoj. Sed sur tiu insulo estas tiel granda malhelo, ke vi povas pendigi la glavon ĉe ĝi. Kaj se vi eĉ alvenus, maljuna sorĉistino vartas la tri kanotigojn, kaj ŝi pli gardas ilin ol la proprajn okulglobojn. Ĝis kiam brulas ŝia vivkandelo, neniu dehakos tiujn tri kanotigojn.

Sed la reĝido ne bezonis multon pli. Li selis sian plej bonan ĉevalon kaj ekiris samtage tuj por trovi la Mondbelan Fraŭlinon Kanotigo. Li iris tra sepoble sep landoj, vesperfale li alvenis en densan arbaregon, kaj eniris malgrandan dometon. Loĝis tie neniu krom nur maljunulino.

Li salutis la virinon dece, ankaŭ ŝi akceptis la saluton same, kaj ŝi demandas:

— Kial vi venis ĉi tien, kien eĉ birdoj ne venas?

— Mi volas trovi Mondbelan Fraŭlinon Kanotigo, kiu estas kaŝita en kanotigo sur la sepdek-sepa insulo de la Nigra Maro. Vi tutcerte aŭdis famon pri ŝi, ĉu?

— Kara filo, mi aŭdis nek ŝian famon, nek ŝian nomon, sed trans la monto, en la subo de la ronda arbaro loĝas mia plej aĝa fratino, eble ŝi aŭdis famon pri ŝi. He, Mici, hop ĉi tien el la fornoangulo! – ŝi vokis la katon. – Montru la ĝustan vojon al tiu ĉi junulo!


**Foto: Tigejo ĉe rivereto.**

La kato saltis antaŭen el angulo de la bakforno, kaj la reĝido sekvis ĝin.

Ĉe ekmateniĝo li trovis ankaŭ la alian maljunan virinon. Li rakontis sian bonan celon. Silentis, silentis la maljunulino, kvazaŭ ŝi pensadus forte, kaj poste ŝi diris:

— Hej, fileto, neniam vi alvenos tien dum via ĉi-monda vivo, krom se vi akiros rajdĉevalon, kiu suĉis drakolakton, manĝis ardantan braĝon kaj trinkis fajroflamon. Sed jen, kion vi havas surkape? Vi havas ĉi tie tri orajn harojn, tiujn ĉi tri orajn harojn mi

eltiros el via kapo, mi donos al ili ŝlosilŝnuron. Kiam vi atingos tiun kaj tiun altan monton, tie per la ŝnuro frapu al la tri oraj haroj, kaj tuje aperos antaŭ vi rajdĉevalo.

La maljunulino eltiras el la kapo de la reĝido la tri orajn harojn, ŝi transdonas la ŝlosilŝnuron, tre bele dankas la reĝido, kaj li ne haltis ĝis li atingis la supron de tiu alta monto.

Per la ŝlosilŝnuro tie li frapas al la tri oraj haroj, kaj jen, aŭdu miraklon: tero-ĉielo eksonoras, flugas el la aerĉielo kun granda-forta galopado orharara ĉevalaro; el orharara ĉevalaro aperis rajdĉevalo, torentas la flamo tra la du naztruoj, kaj ĝi henas sinsekve, tiel ke eksonoris la plena mondo, kaj ĝi simple aperis antaŭ la reĝido.



***Bildo: Fluganta ĉevalo.***

— Mi estas ĉi tie, mia eta mastro!

Sed aŭskultu nur, kio fariĝis el la ŝnuro! Ĝi iĝis bela, ora bridokondukilo, kaj ĝi tiel glimis, kaj ĝi tiel brilegis.

— Nu, eta mastro, kiel mi iru? Ĉu tiel, kiel la vento, aŭ tiel, kiel la birdo, aŭ eĉ pli rapide: kiel la penso.

Diris la reĝido:

— Kiel la penso, mia kara ĉevalo!

— Bone, mia eta mastro, mi ja scias, kiu estas la intenco de via koro. Sed vane ni irus al la sepdek-sepa insulo de la Nigra Maro, se ni ne vizitus antaŭe la luman vestiblon de Suno, kaj ni portus de tie fajrantan radion.

La ĉevalo etendas sin al la aero, ĝi suprenflugas, kiel birdo, poste ĝi sin ĵetas al la aero, tranĉas ĝin, galopas, kiel la penso, kaj ne pasis tempo pli longa ol palpebrumo, ĝis kiam ili venis al la pordego de la Tero. Jes ja, sed en la pordego de la Tero gardostaris du lupoj, kaj ili diris, ke ili ne lasos la reĝidon eniri tra la pordego, ĝis li ne donos al ili du funtojn da karno el la ĉevalo.

Pensas la reĝido: "Sed mi ne donos el la karno de mia ĉevalo, prefere mi donos el la mia." Li prenis la stelornaman poŝtranĉilon, eltranĉis du funtojn da karno el sia femuro kaj ĵetis al la lupoj.

— Nun vi jam rajtas iri – diris la lupoj.

Flugis la ĉevalo, kaj jen la reĝido apenaŭ fermis la okulojn, ekparolis la ĉevalo:

— Malfermu la okulojn, eta mastro, ni estas ĉi tie en la luma vestiblo de la Suno.

Descendis la reĝido, kaj nu, tie en la vestiblo de la Suno estas orkuvo, kaj en la orkuvo jen fajrobano: li banis sin en ĝi; sur diamanthoko estis ora viŝtuko, kaj per ĝi li sekigis sin; sur arĝentbreto jen orkombilo, kaj per ĝi li kombis sin; kaj estis tie ĝisplanka spegulo, antaŭ kiu li pozis kaj rigardadis sin mem.

Sed aŭskultu nur, kio okazis!

Elvenis en la vestiblon kolera maljunulo, tutcerte iu servisto de la Suno, li rimarkas la reĝidon pozantan antaŭ la spegulo, li kolerege alblovas lin, abrupte ekestas terure granda uragano, kaj tiel ĝi forblovas la reĝidon kun ĉevalo, kun ĉio, ke ilia plando ne tuŝis la grundon tra sepdek-sep mil mejloj. Kaj tiam ili falis malsupren en tiel malhelan truon, ke ili vidis nek teron, nek ĉielon.

Haj, la reĝido malleviĝis al malgajo! Li pensis, ke dum tiu ĉi mondo daŭros, kaj aldone du tagoj, li ne plu vidos la benatan, brilan Sunon. Kiel do porti ĝian unusolan radion al la sepdek-sepa insulo de la Nigra Maro? Rampante-glitante ili palpadis pli-pli antaŭen, tretante jen sur serpento, jen sur



***Pentraĵo: Aŭroro.***

rano; kaj kiam pasis eble jam sep tagoj kaj sep noktoj, tiam ili atingis grandan ferpordegon. Nu, estas ja bone, ke ili rampante-glitante alvenis, ĉar ĉi tie jen gardostaris centkapa drako. Tiu ja vere ne lasos ilin eniri tra la pordego!

Ĝemetis, cerbumadis la povra reĝido: "Nun kion fari plu?" Li palpadis per la manoj tiudirekten, alidirekten, eble iudirekten li povus pluiri, kaj jen, abrupte, iu bastoneto troviĝas ĉemane. Jes ja, ĝi ne estis bastoneto, sed ŝalmo. En malgajo-malĝojo, li enblovis en la ŝalmon, kaj ĝi sonis tiel bele, ke pli bele eĉ la anĝeloj ne povas muziki.

Kaj kion vi pensas, kio okazis? Tio okazis, ke la centkapa drako bele kuŝiĝis sur la tero, eĉ unu sola el ĝiaj kapoj ne moviĝis, tiel ĝi aŭskultis la ŝalmosonon.

Sed ja ekhavis kuraĝon ankaŭ la reĝido, kaj li bele promenis tra la ferpordego.

Nu, kiam li estis irinta trans la ferpordegon, ekis malfermiĝi la malhelo; kaj kion vidas liaj okuloj? Renkonte al li venas belege bela junulino, kiu ne estis alia, sed la Aŭroro mem, la plej bela kaj plej kara filino de la Suno. Ĉu okazis tiel, ĉu okazis alie, verdire mi jam ne scias, sed estas certe, ke al Aŭroro ekplaĉis la reĝido, ŝi sidigis lin apud si mem sur sia flugilhava ĉevalo, kaj ŝi portis lin tra sepoble sep landoj, tra belege belaj regionoj neviditaj de homaj okuloj. Unue ŝi portis lin en la kuproarbaron. Tie laboris la arbohakistoj de la Suno, ili dehakadis la arbojn, metis ilin sur la ĉarojn, kaj portis ilin al la kuirejo de la Suno. De tie, ŝi portis lin en la arĝentoarbaron. Tie arĝentobirdoj kantis pli kaj pli belajn kantojn, kaj la arĝentoarboj ĉiuj bele kliniĝis antaŭ Aŭroro sinsekve tri fojojn. El la arĝentoarbaro ŝi portis lin en la oroarbaron. Ankaŭ ĝi sonoris bele per la kanto de la orobirdoj, kaj la arboj sinsekve tri fojojn bele kliniĝis antaŭ Aŭroro.

Meze de tiu oroarbaro situis la ĝardeno de Aŭroro, meze de tiu ĝardeno situis la diamantopalaco de Aŭroro; kaj ĉe la alveno de Aŭroro tuj kolektiĝis ĉiuj brilaj steloj, poste Aŭroro mansignis, descendis el la aerĉielo purpura nuboĉaro, en la purpura nuboĉaro estis orobenko, sur tiu ŝi sidiĝis kun la reĝido, kaj poste tiel ili flugis pli kaj pli alten, ĝis fine ili alvenis en la luman vestiblon de la Suno. Tie Aŭroro elektis radion, bele ŝi plektis ĝin en la hararon de la reĝido, kaj ŝi diris:

— Nu, reĝido, nun vi povas jam iri, vi trovos Mondbelan Fraŭlinon Kanotigon.

Kaj jen, en tiu sama momento aperis la rajdĉevalo de la reĝido, tuj surseliĝis la reĝido, kaj ili galopis tra sepoble sep landoj, direkte al la Nigra Maro. Tamen foje ekparolis la ĉevalo, dirante:

— Ĉu vi aŭdas, mia eta mastro, tuj mi estos sur la sepdek-sepa insulo de la Nigra Maro, sed bone atentu, tiel vi haku al la tri kanotigoj, ke ilin vi dehaku kune, ĉar aliokaze via vivo estos finita.

Tiujn tri kanotigojn ne fendu ĝis kiam ni venos al iu akvo, ĉar se vi ne povos doni al ili akvon, antaŭ viaj okuloj ili ĉiuj tri mortos abrupte.

Sep tagojn, sep noktojn galopis la ĉevalo, tiam ili alvenis al la sepdek-sepa insulo de la Nigra Maro. Nu, tiu insulo estis vere tiel malhela, ke la reĝido povus pendigi la glavon ĉe ĝi. Sed la reĝido deprenis sian felĉapon,

ekbrilegis la sunradio plektita en la hararon, kaj tuj ekestis lumplena helego. Do vere tie staris la tri kanotigoj meze de la insulo, kaj kiam la reĝido alvenis, la tri kanotigoj bele kliniĝas antaŭ li, kvankam eĉ brizeto ne blovetis. Subite elprenis sian glavon la reĝido, li svingis ĝin, kaj per unu frapo li dehakis ĉiujn tri kanotigojn.

Kaj jen, el la radiko de la tri kanotigoj ŝprucis nigra sango, kaj el la tero aŭdiĝis ia suferplena veado. Tiu nigra sango estis sango de la maljunega sorĉistino; la suferplena veado estis ŝia veado. Nu, ŝi ne plu povas damaĝi iun ajn animon, la reĝido povis trankvile reiri. Li bele kuŝigis la tri kanotigojn en la sino, kaj li diris al la ĉevalo:

— Kaj nun, mia kara ĉevalo, reportu min en mian hejmlandon, portu min en mian hejmlandon; delonge vidis mi nek la patron, nek la patrinon.

Galopis la ĉevalo tra sepoble sep landoj, kaj la reĝido nur rigardis, rigardadis la tri kanotigojn, li ŝatus jam fendi ilin por vidi, ĉu vere knabino estas en ili. Eble nur vane oni farse venigis lin ĉi tien al la sepdek-sepa insulo de la Nigra Maro. Li elpoŝigis la stelornaman tranĉilon, fendis unu el la kanotigoj, kaj falis el ĝi belege bela junulino: unu el la ĉambristinoj de Mondbela Fraŭlino Kanotigo. Ŝia tuja frazo estis:

— Akvon, akvon, ĉar mi mortos tuj!

Sed nur nun vere ektimis la reĝido. Li donus akvon, sed akvo estis nenie. Pasis eĉ ne palpebrumo da tempo, mortis la junulino, kaj el la du kanotigoj sonis suferplena ploro. Ili priploris la povran junulinon tutcerte.

Malgajis la reĝido, preskaŭ renversis lin la malĝojo. Li provis veki la junulinon, diversfoje, sed vane, tiu ne plu vekiĝis. Li desaltis de la ĉevalo, li fosis tombon per la glavo, kaj li enterigis la junulinon.

Poste ili iris plu, kaj ĉu la diablo lin obsedis, aŭ kio okazis, li fendis ankaŭ la alian kanotigon. Okazis la samo, kiel la unuan fojon. Li ne povis doni akvon al ŝi, kaj mortis ankaŭ la alia ĉambristino de la Mondbela Fraŭlino Kanotigo. Nu, sed nun la reĝido ĵure decidis, ke la trian kanotigon li gardos, kiel la propran okulbrilon. Ke tiun li ne fendos, ĝis ili ne venos al akvofonto. Hej, sed tiel forte li dezirus vidi la Mondbelan Fraŭlinon Kanotigo! Sed kie ili pasis, tie estis terure vasta puto. Ili vidis eĉ ne guton da akvo, ili preskaŭ



***Bildo:***
***Princino kaj princo en pasio.***

mortis pro la granda soifo.

Sed abrupte la ĉevalo descendis de la ĉielo, rekte apud akvofonto.

— Nu, mia kara mastro, nun vi povas fendi la kanotigon. Sed unue prenu akvon en vian felĉapon.

La reĝido plenigis la felĉapon, poste li lerte fendis la kanotigon, por ne vundi la gracian korpon de Mondbela Fraŭlino Kanotigo, kaj jen, elsaltis el la kanotigo tiel belega junulino, kian neniam vidis homaj okuloj.

Tie ili tuj brakumis la kolon unu de la alia.

Vi la mia, mi la via, nin disigu nur fosilo, hojo kaj sonorilego!

Poste ili ambaŭ sidiĝis sur la rajdĉevalo. La ĉevalo faris unu salton, faris du, ĝi descendis sur la korton de la patro de la reĝido. Ĝuste tie sidis la reĝo en la vestiblo de la palaco, tie sidis ankaŭ lia pli aĝa filo, ankaŭ la bofilino, ho, kiel granda estis la gapado! Jam antaŭlonge ili priploris la reĝidon, ili ne kredis iam ajn revidi lin. Kaj jen, li reaperis. Li alportis reĝidinon, la plej belan en la tuta mondo. Ĝojis la maljuna reĝo; kaj kion faru la pli aĝa filo kaj la bofilino – ĝojis ankaŭ ili.

Ili okazigis grandan nuptofeston, faman en sep landoj, muzikis la ciganoj, dancis la junuloj kaj la junulinoj, ili dancus eĉ nun, se ili povus.

Jen estas ĉio, restis nenio!

www.esperantopt.com

*El la portugala muzo...*

## *La trezoro*

***(portugale: O tesouro)***

***de Eça de Queirós,***

***trad. Eduardo Novembro,***

***el la portugala***



***Bildo: Trezoro.***

Guanes, Rostabal kaj Rui, jen tri fratoj vivantaj en Medranhos — la plej malsategaj kaj plej ĉifonvestitaj nobeloj de la tuta reĝlando de Asturio.

En la Palaco de Medranhos, de kie la vento jam estis forblovinta vitrojn kaj tegolojn, ili pasigis la vesperojn de tiu vintro, kuntiriĝintaj ene de siaj kamlotovestoj, frapante per siaj truitaj plandumoj la kuirejajn slabojn, ĉe la vastnigra fajrejo, en kiu jam de longe, nek krepitis fajro, nek bolis fera kaldrono. Je krepuskiĝo ili ronĝis mucidan pankruston ŝmiritan per ajlo. Poste, sen kandelo, ili boris vojon tra la neĝoplena korto por dormi en la stalo, kaj tiel profiti de la varmo eligata el la tri ŝankr-oidaj ĉevalinoj, kiuj, tiom malsategaj kiel la mastroj, rodis la solivojn de la brutmanĝujo. Pro tia mizerego, tiuj sinjoroj fariĝis pli sovaĝaj ol lupoj.

Nu, printempe, iun silentan dimanĉan matenon, kiam ĉiuj tri paŝadis tra la arbareto Roquelanes, priserĉantaj ĉasspurojn kaj plukantaj fungojn inter kverkoj, dum la ĉevalinoj paŝtiĝis sur la nova herbo de aprilo, la fratoj de Medranhos ekvidis malantaŭ veprejo, en roka kavo, malnovan feran monkeston. Kvazaŭ protektitaj de sekuriga belfrido, la tri ŝlosiloj ankoraŭ plue restis en siaj seruroj. Sur la kovrilo kuŝis etikedo kun arabaj literoj, malfacile deĉifreblaj pro la rusto. Ene, la kaso estis ĝisrande plenplena de ormoneroj.

Terure kaj mirinde emociitaj, ili iĝis lividaj kvazaŭ kandelvakso. Poste la tri homoj arde enŝovis la manojn en la oron kaj ekridadis tiel skuale, ke tremigis la freŝajn foliojn de la ĉirkaŭantaj ulmoj... Sed ili tuj retropaŝis, subite rigardis unu la alian tiel krude kaj malfideme, per siaj flamiĝantaj okuloj, ke Guanes kaj Rostabal fingrumis la tenilojn de la grandaj tranĉiloj pendantaj de siaj zonoj. Tiam la rufa dikulo Rui, kiu estis la plej saĝa, levis la brakojn kiel arbitracianto, kaj ekdecidis, ke la trezoro, deveninta ĉu de Dio ĉu de Demono, apartenas al la tri, kaj inter ili estos rigore dividita pere de pesilo. Sed kiel kunporti al Medranhos, ĉe la montara supro, tiom pezplenan kofron? Krome, estus tute nekonvene eliri el la bosko kun tia riĉaĵo antaŭ malheliĝo. Tial ili interkonsentis, ke frato Guanes, la plej leĝera, devus troti al la najbara urbeto Retortilho, jam kunportanta iom da oro en sia burso, por aĉeti tri ledajn tornistrojn, tri porciojn da hordeo, tri viandajn timbalojn kaj tri botelojn da vino. Vino kaj viando por ili mem, kiuj ne manĝis jam de la antaŭa tago; hordeo por la ĉevalinoj. Tiele revigligitaj, mastroj kaj bestoj, ili ensakigus la oron en la tornistrojn kaj suprenirus al Medranhos, ŝirmitaj de la senluma luno.

— Bone elpensite! — ekkriis Rostabal, viro pli alta ol pino, kun longa hararaĉo kaj barbo pendanta ekde liaj sangstriaj okuloj ĝis la glavzona buko.

Sed Guanes ne deflankiĝis de la kofro, kun faltiĝinta mieno, suspekteme, per la fingroj ŝrumpigante la nigran haŭton de sia grua kolo. Fine, brutale:

— Fraĉjoj! La kofro posedas tri serurojn... Mi volas rigli la mian kaj kunporti la ŝlosilon.

— Ankaŭ mi volas la mian, milfulme! — tuj roris Rostabal.

Rui ridetis:

— Ja, ja! Ĉiu posedanto de la oro rajtas gardi unu el la koncernaj ŝlosiloj.

Kaj ĉiu el ili, silente kaŭrantaj antaŭ la kofro, zorgfirme riglis sian seruron.

Trankviligita, Guanes saltis sur ĉevalinon, kaj ekiris tra la ulmpado survoje al Retortilho, ĵetante sian kutiman plendeman kanzonon al la branĉoj:

Hole! Hole!

Eliras la preĝeja kruco,

Nigrofunebre vestita…

En la maldensejo, fronte al la vepro (fortranĉita de la tri homoj per sabrofrapoj), kaŝanta la trezoron, akva flueto fontis el inter la rokoj, falis sur la vastan kavigitan slabon, tie formanta kvazaŭan klarokvietan lageton, kaj poste forfluis en la altajn gresojn. Apude, sub la ombro de fago, kuŝis malnova granita piliero, renversita kaj muska. Tie eksidiĝis Rui kaj Rostabal, kun siaj timigaj spadoj intergenue. La du ĉevalinoj paŝtiĝis sur la bona herbo miks-kolorigita per papavoj kaj orburĝonoj. Tra la branĉaro flirtis fajfanta merlo. Erarvaganta odoro de violoj mildigis la luman aeron. Rostabal, rigardante al la Suno, oscedis pro malsato.

Tiam, demetante la ĉapelon, kaj dum li glatigadis ties violkolorajn plumojn, Rui prudente rezonis per sia milda kaj sinreganta voĉo, ke ĝuste tiun matenon Guanes ne estis volinta descendi kun ili al la veprejo de Roquelanes. Kia aĉa misfortuno! Ĉar se tiu frato estus restinta en Medranhos, nur de ambaŭ la kofro estus trovita, do nur inter ili du oni partigus la oron. Domaĝego! Des pli, ke sian parton Guanes baldaŭ disperdos kune kun stratulaĉoj per ĵetkubaj ludoj tra la drinkejoj.

— Ha! Rostabal, Rostabal! Se Guanes tutsola estus pasinta ĉi tie kaj trovinta ĉi tiun oron, li ne ĝin partigus kun ni, Rostabal!

La alia kolergrumblis mallaŭte, ektirante la nigran barbon:

— Ne, mildiable! Guanes estas monavida… Pasintjare, se vi memoras, kiam li gajnis cent dukatojn de la glavfaristo de Fresno, li ne volis alprunti eĉ nur tri, por ke ni aĉetu novan ledveston.

— Jen, ĉu vi atentas? — ekkriis Rui, delogita.

Ambaŭ ekstaris samtempe el la granita piliero, kiel instigitaj de komuna ideo, kiu ilin fascinis. Kaj pro iliaj larĝaj paŝadoj la altaj herboj sibladis.

— Kaj kiacele? — pluis Rui. — Al kio lin taŭgos la tuta oro, kiun li forprenos de ni? Ĉu vi ne aŭdas, kiel li tusas dumnokte? Ĉirkaŭ la pajlo, sur kiu li dormas, la grundo nigriĝis pro la sango de li kraĉita. Li ne eltenos ĝis la venontaj neĝoj, Rostabal! Sed intertempe li estos forneniiginta la bonajn monerojn, kiuj devus aparteni al ni por restarigi nian domon, kaj por ke vi ekhavu rajdĉevalojn, armilojn kaj nobelajn kostumojn, ankaŭ vian trionon de palacoj, rajtigataj al tiaj nobeloj,



Foto: Rubusaro.

kiaj vi, kiu estas la plej aĝa el la nobeloj de Medranhos…

— Do, li mortu, kaj mortu hodiaŭ! — kriegis Rostabal.

— Ĉu vi volas?

Ekscitite, Rui prenis la fratan brakon kaj fingromontris al la vojstreko de ulmoj tra kiu Guanes estis foririnta kantante.

— Tuj poste, ĉe la fino de la vojeto, jen bona loko en la rubusaro. Kaj estas vi, Rostabal, la plej fortika kaj la plej lerta. Pro la dia justeco devos esti vi, kiun multfoje en la drinkejoj, senhonte, li nomis "porko" kaj "sordida", ĉar vi scipovas nek literojn nek numerojn.

— Perversulo!

— Venu!

Kuniris ambaŭ por embuski malantaŭ rubusejo rigardante super la pado, mallarĝa kaj ŝtona kiel fluejo de torento. Rostabal, kaŭriĝis ĉe la defluila fosaĵo, kun la jam nuda spado enmane. Venteto kuspis la poplajn foliojn sur la deklivo, kaj aŭdiĝis la malprofunda sonorado de la kloŝoj de Retortilho. Gratigante la barbon, Rui

prikalkuladis la horojn pere de la Suno, kiu jam kliniĝis al la montaroj. Grakanta korvaro preterflugis super ili. Rostabal, kiu estis rigardanta ties flugadon, ekoscedis pro malsato, kaj pensis pri la pasteĉegoj kaj vino de la alia kunportataj en la tornistroj.

Finfine! Atentu! El la vojstreko eksonis la lamenta kaj raŭka kanzono ĵetita super la branĉojn:

*Hole! Hole!*

*Eliras la preĝeja kruco,*

*Tute nigrofunebre vestita…*

Rui murmuris:

— Ĉeflanke! Tuj kiam li preterpasos!

La ĉevalina trotetado frapadis sur la gruzo, ĉapela plumo ruĝiĝis super la rubuspintoj.

Rostabal eksaltis tra breĉo el inter dornarbedo, per la brako ĵetis la longan spadon, kies tutan klingon li enŝovis en la molan korpoflankon de Guanes, kiam li, pro la susurado, subite sin turnis sur la selo. Per surda ekmovo li oblikve renversiĝis sur la ŝtonojn. Rui jam estis alkroĉiĝinta al la enbuŝaĵoj de la ĉevalino. Rostabal tuj eksaltis sur la anhelantan fraton, kaj, kun la spado per sia mano laŭponarde stringita ĉe la lameno, denove enigis ĝin en lian bruston kaj gorĝon.

— La ŝlosilo! — ekkriis Rui.

Post forpreno de la kofra ŝlosilo el la sino de la mortinto, ambaŭ ekkuris tra la vojstreko — Rostabal antaŭe, ektimege kuntiriĝinta pro la gusto de sango elŝprucigita en sian buŝon, fuĝis kun la ĉapela plumo romptordita, kaj la ankoraŭ nuda spado subbrake. Rui, malantaŭe, aflikte tiris la bridojn de la ĉevalino, kiu, kun la hufoj fiksitaj sur la ŝtona grundo, grimacis per la longflava dentaĉaro, rifuzante lasi sian mastron tiele sternitan kaj forlasitan laŭlonge de la heĝoj.

Devigite piki ŝiajn malgrasegajn koksojn per la spadpinto, li plue kuris malantaŭ ŝi — kun la lameno supren levita kvazaŭ persekutanta maŭron — ĝis atingi la maldensejon, kie la suno jam ne origis la foliojn. Rostabal estis ĵetinta la sunĉapelon kaj spadon sur la herbon, kaj kliniĝinte sur la laŭtanke kavigita platŝtono, kun la manikoj kuspitaj, brue lavis la vizaĝon kaj barbon.



***Bildo: Tri banditoj.***

Trankvile, la ĉevalino rekomencis paŝtiĝi, ankoraŭ ŝarĝita per la novaj tornistroj aĉetitaj de Guanes en Retortilho. El la plej larĝa, plenplena, eliĝis du botelkoloj. Tiam Rui, lante, forprenis el la zono sian larĝan poŝtranĉilegon. Tute senbrue sur la pufmola herbo, li alŝoviĝis al Rostabal, kiu spiregis kun la barboj gutantaj. Kaj serene, kvazaŭ najlante foston en bedon, li enigis la tutan lamenon en la kliniĝantan larĝan dorson, trafe surkoren.

La frato falis sur la tankon, sen ekĝemo, la vizaĝo enakvigita, la longaj haroj tie ŝvebantaj. Lia malnova pendmonujo restis premegita sub lia femuro. Por forpreni el ĝia interno la trian ŝlosilon, *Rui* levetis la korpon — dika sangoŝprucaĵo elĵetiĝis kaj defluis laŭrande de la tankaj parietoj, fulmanta.

Ekde nun apartenus al li, nur al li, la ŝlosilojn de la kofro!… Tiam Rui dismalfermis la brakojn kaj plezurege spiris. Tuj post noktiĝo, kun la oro enigita en la tornistroj, li irigos la tutan vicon de ĉevalinoj tra la montara vojstrekoj, supreniros al sia palaco por enfosi sian trezoron en la kelon! Tiel, kiam ĉe la fonto kaj tie apud la rubusaro nur restus, sub la decembraj neĝoj, kelkaj sennomaj ostoj, li iĝos la grandioza mastro de Medranhos, kaj en la nova kapelo de la renaskiĝinta nobeldomo, li ordonos la preĝadon de riĉaj mesoj honore al la du mortintaj fratoj… Sed mortintaj kiel? Kiel devas morti ĉiuj el nobla familio kiel la sia — batalantaj kontraŭ la turkoj!

Li malfermis la tri serurojn, plukis manplenon da moneroj, kiujn li tintigis sur la ŝtonojn. Kia pura oro el fajna karato! Jen, ĝi

estis oro lia! Poste li taksis la enhavon de la tornistroj, kaj trovante la du botelojn da vino, apud rostita kapono, li sentis avidan apetiton. Jam de la antaŭa tago, li estis manĝanta nur peceton da seka fiŝo. Kaj de kiom longe li ne gustumis kastritan kokon?

Kiel plezure li sidiĝis sur la herbo, kun la gamboj disigitaj, kaj inter ili la blonda birdo, bonodora, kaj la sukcenkolora vino! Ha! Kiel bona ĉefservisto iĝis Guanes — eĉ la olivojn li ne estis forgesinta. Sed kial li kunportis nur du botelojn da vino por tri kunmanĝantoj? Deŝirinte flugilon de la koko, li ĉion formanĝis per grandaj mordoj. La vespero vualiĝis mediteme kaj dolĉe, kun rozkoloraj nubetoj. Trans la vojeto, korvaro grakis. Satigitaj, la ĉevalinoj dormetis kun la muzelo ripozanta. La fonto lirladis forlavante la mortinton.

Rui levis kontraŭlume la vinbotelon. Kun tia varme malnova koloro, ĝi certe ne kostis malpli ol tri maravedojn. Li enbuŝigis la botelkolon, trinkis per lantaj glutoj, kiuj ondigis lian hargarnitan kolon. Ho, benita vino, kiu tiom prompte varmigis la sangon! Li forĵetis la malplenan botelon, kaj tuj malŝtopis la alian. Sed, estante singardema, el ĝi li ne trinkis, ĉar la trairado al la montaro, kun la trezoro, postulos stabilon kaj lerton. Surkubute sternapogita, ripozante, li imagis Medranhos tute kovritan per novaj tegoloj, kun altaj fajrejflamoj dum neĝaj noktoj, kaj sian brokaĵkovritan liton, kie li ĉiam posedos virinojn.

Subite, ekprenita de anksieco, li ekhastis pri la ŝarĝado de la tornistroj. Tra inter la branĉoj la ombro jam densiĝis. Li altiris unu el la ĉevalinoj apud la kofron, malfermis ĝian kovrilon kaj prenis manplenon da oro… Sed li ŝanceliĝis, ellasis la monerojn, kiuj retintis surgrunden, liaj manoj afliktite kuris al lia brusto. «Kio estas, moŝta Rui? Dio! Fulme!» Tio estis fajro, ia arda fajro ekflamanta el lia interno, tuj supreniranta ĝis la glutejo. La ledveston li jam estis ŝirinta, liaj paŝoj fariĝis hezitemaj kaj, anhelante, la lango pendanta, li sekigis la gutetojn de horora ŝvito, kiu ĝisneĝe glaciigis lin. Ho, Ĉasta Patrino! Denove tiu fajro, pli forta, disvastiĝanta, ronĝanta! Li ekkriis:

— Helpon! Iu! Guanes, Rostabal!

Liaj brakoj, torditaj, baraktis en la aero. Kaj interne la ardo kreskadis, li sentis la ostojn kraki, kvazaŭ brulantaj domtraboj.

Li ŝanceliris ĝis la fonto por estingi tiun flamon, kaj stumblis sur Rostabal; kun la genuo apogita sur la mortinto, gratante la rokon, tra ululadoj, li serĉis akvan flueton, kiun li ricevis sur la okulojn, pere de la haroj. Sed la akvo lin brulvundis ankoraŭ pli, kvazaŭ fandita metalo. Retropaŝante, li falis sur la herbon, kiun li plenmane plukis kaj mordegis, mordante la fingrojn, por elsorbi ĝian freŝon. Li ankoraŭ provis levi sin, kun densa bavo forfluanta tra la barboj; kaj neatendite li terurege elorbitigis la okulojn, blekis, finfine ekkomprenante la perfidon, la tutan hororon:

— Jen veneno!

Ho, moŝta Rui, la singardema, tio estis veneno! Ĉar Guanes, ĵus alveninta al Retortilho, kantante aliris straton malantaŭ la katedralo, por tie aĉeti, de maljuna juda drogisto, la venenon, kiun, miksita kun la vino, estigus lin, kaj nur lin, la posedanto de la tuta trezoro.

Noktiĝis. Du korvoj el inter la bando, kiu grakis trans la rubusoj, jam estis sidintaj sur la korpo de Guanes. La fonto lirladis kaj lavadis alian mortinton. Duonfosita en la herbo, la tuta vizaĝo de Rui estis nigriĝinta. Steleto trembrilis sur la ĉielo.

La trezoro ankoraŭ restas tie, en la rubusaro de Roquelanes.

Denaskismo en Portugalio...

## *Kiam mia filo min patrigis*

### *de João José Santos*

Angora, retenante emociojn, transa,
trairis mi salonojn tra la akuŝejo,
mi serĉis vin tra vitro granda de l' fenestro,
okuloj miaj vagis... refoje... tralite...

Ho... tiom multaj beboj...! Kiu estis vi?
Ĉifoje, en ĉi vivo, ne vidis vin mi!
Sed tiam... en plorvokoj, sine de flegisto,
fragila... krurmovema... vi al mi aperis...

La vitro apartigis nin, kaj nur la vitro,
sternitaj la braketoj supertransis ĉion,
brakumis min animo via, en vivpetoj...

Mi aŭdis tiam "Dei uerbum" universa:
"la patro eĉ pli amas la filon ol sin"...
Kaj ploris mi pli ol mia unua filo.



***Foto: Joĉjo, tre juna, kun la patro João José Santos, en Portugala Esperanto-Asocio.***



ESPERANTO

# De Todos e de Ninguém

Há mais de 100 anos, o médico polaco Ludwik Zamenhof criou o esperanto — um idioma neutro que, partindo da síntese optimizada das regras gramaticais mais gerais das línguas europeias, pudesse vir a ser usado na comunicação entre pessoas de diferentes nacionalidades. Apesar do esforço intelectual de Zamenhof, que se propôs estudar grego, latim e inglês para concretizar o projecto, este acabou no entanto por se revelar utópico. Na previsão lunática do médico polaco, a consagração de uma língua universal permitiria colocar ao mesmo nível todas as línguas étnicas, acabando-se assim com o défice democrático que se verifica quando a linguagem oral entre duas pessoas se faz sistematicamente no idioma de uma delas. Apesar da sua consagração, o esperanto não ganhou ainda o estatuto que o sonhador Zamenhof lhe quis um dia dar

Textos de ELSA GARCIA FERNANDES
Fotografias de LUIZ CARVALHO

20 • FEVEREIRO • 99 Expresso 35



***Foto: En la 20-a de februaro 1999, Joĉjo aperis en la prestiĝa portugalia gazeto "Expresso". Foto prenita en la klasĉambro de Portugala Esperanto-Asocio.***

Denaskismo en Portugalio...


Foto de António Martins-Tuválkin.

**de António Martins-Tuválkin**


*Foto de Vesperto, en Figueira da Foz, 2005-08-12: Marta, live ŝia patro António.*

### Pri la poemo Marta

En Nabjerĵnjije Ĉeljnji, Tatario (Rusio), en frua 2000, mia filino Marta estis ankoraŭ 10-monataĝa. Tiam, mi partoprenis en la 12-a EoLA, grava movada aranĝo en Rusio. Alveninte tien, mi eksciis, ke ĉiuj partoprenantoj devus prezenti ion sur la scenejo: ja la evento estas nomata "Esperanto — Lingvo Arta". Sen ajna emo pri kantado, dancado aŭ aktorado, mi decidis ion verki por deklamo. Inspiro kaj temo estis evidentaj en nova patro, eĉ kiam tiu ne kutimas verki.

### António Martins-Tuválkin

naskiĝis en Lisbono, en 1969. Li eklernis esperanton en 1987, en la sidejo de Portugala Esperanto-Asocio, de kiu li baldaŭ fariĝis aktivulo. Li uzas esperanton ankaŭ kiel hejman lingvon. Fakte, lia filino Marta estas la plej juna denaska esperantisto en Portugalio. Nuntempe, António estas la vic-prezidanto de la estraro de P.E.A.

## Marta

Oni nomis vin kreaĵo:
de Dio ida
sed sengraca.
Oni postulis adeptiĝon
kaj honton porti
pro prapek'.
Vi estus homo - sklavaran'.

Oni nomis vin sovaĝa:
arbara besto
sen rezon'.
Kaj finaturo via dampu
nur imitigo
kaj altrud'.
Vi estus homo post korekto.

Oni nomis vin malplena:
mudlenda bul' aŭ
vaka tabl'.
Kaj planis oni per programo
vin strukturigi
laŭ fason'.
Vi estus homo -- verko nia.

Oni nomis vin naiva:
anĝelo pura
en malicej'.
Oni prognozis misinfluojn,
vian fiiĝon
pro vivad'.
Vi estus homo pro kontaĝ'.

Oni nomis vin miksaĵo:
el patra kaj
patrina sang'.
Oni aŭguris viajn ecojn
kombine el
uzita ar'.
Vi estus homo laŭ tabel'.

Sed mi nomas vin fraktala!
Ĥaoskompleksa
mozaik':
Vi mem muelas kaj florigas
niajn instruojn
laŭ hazard',
nekonjekteble mem kreiĝas
vi el heredo
kaj ekster'.
Vi estas homo - jam kaj plu!

# *Kaboverdo kaj Portugalio...*

# *man-en-mane...*

***de João José Santos***



***Foto:***
***Irlando Delgado Ferreira, studento pri produktado.***



***Foto:***
***João Pereira dos Santos, studento pri dramaturgio.***

En aprilo 2008, "Escola Superior de Teatro e Cinema" (ESTC), en Amadoro (urbo proksima de Lisbono), tre prestiĝa fakultato kiu licenciigas profesiulojn pri teatro kaj kino, eldonis 50-paĝan libreton kun poemoj de du el siaj studentoj, Irlando Delgado Ferreira kaj João Pereira Santos, kies fotoj aperas ĉikune.

La du kolegoj, kvankam poetoj ne similaj unu al la alia, sciis plekti siajn poemojn en libreto kiu nomiĝas: *Mão por mom – Mom por mão*. Temas pri ludo inter la portugala vorto "mão" (mano) kaj la kaboverd-kreola vorto "mom" (mano). La manplekto, eĉ en la diferencoj, donas substancon en verko, kiu admirigas onin, pro la matureco de la konceptoj de la poetoj, malgraŭ iliaj junaj aĝoj. Plejparto de la poemoj estis origine verkataj en la portugala, sed Irlando verkis kelkajn en la kaboverd-kreola lingvo. Tiel, en la portugala eldono, la du lingvoj ekzote renkontiĝas.




***Bildo: Kovrilo de la libro "Mão por Mom, Mom por Mão".***

La Karavelo donas tri el tiuj poemoj al siaj legantoj, sur la paĝoj 22 kaj 23, vekante la apetiton por la esperanta versio de ĉi tiu verko, kiu aperos en la proksimaj monatoj, far la eldonejo La Karavelo. Ĝi eble nomiĝos *Mano plektas manon*. Efektive, kvankam la aŭtorrajtoj por la portugala lingvo apartenas al la menciita fakultato, ĝi cedis la aŭtorrajtojn por la esperanta traduko al la eldonejo La Karavelo, post interkonsento inter la responsulo kaj João Pereira Santos. La skriba rajtigilo jam apartenas al La Karavelo.

Kaboverdo kaj Portugalio...
man-en-mane...


Foto de
João Pereira Santos.

**de João Pereira Santos**

**trad. João José Santos**
**el la portugala**

## La mondo ne permesas metafizikon

**(el la libro "Mão por mom – Mom por mão")**

"La mondo estas la tuto de l' faktoj,
ne la tuto de l' aĵoj."
***Ludwig Wittgenstein***

La mondo ne permesas metafizikon.
Ĝi permesas versojn, faktojn kaj utilajn datenojn.
Ĝi permesas ĉi penson,
kiu fandiĝas en agado, en muldoj de ribelo.

Ĝi ne permesas merdajn filozofiojn
kaj ideologiojn, kiuj valoras nenion.

Brilado de stultaj intelektoj,
foliumado de libroj neniam skribitaj,
kaj saĝuloj, kiuj neniam sciis pri aritmetiko.

La mondo ne permesas revojn, kiuj ne estos pli ol tio.
La mondo estas blinda al ĉiuj malestaj intencoj.
Nur per apertaj okuloj, ĝi vidas alies vidon pri ĝi.
Nur per atentaj oreloj, ĝi aŭdas la melodion obstine aŭditan de ĉiuj.

La mondo ne apartenas al revantoj.
La mondo apartenas al revsciantoj.

La mondo ne konas la desperon de vundita rigardo,
nek agojn de iu inventita Hamleto.

La mondo estas la mondo, kiu obstinas esti mondo.

### João Pereira dos Santos

naskiĝis en Lisbono, en la 25-a de junio 1988, kaj estas nun do 19-jaraĝa. Li estas filo de la esperantisto João José Santos, kiu ekparolis kun Joĉjo nur en esperanto, ekde kiam li naskiĝis ĝis lia 6-jariĝo. De lia 6-jariĝo ĝis nun, patro kaj filo parolas foje en la portugala, foje en esperanto. Joĉjo estis la unua portugalia denaska esperantisto. Lia patrino, Fátima Pereira, matematikisto, ankaŭ lernis esperanton elementnivele.

João studentas pri dramaturgio en "Escola Superior de Teatro e Cinema (ESTC)", kiu situas en la urbo Amadoro, proksime de Lisbono. Li estas nun en la fino de la 2-a kursjaro. Ĵus li gajnis la duan premion en dramkonkurso de sia fakultato, pro sia dramo "Mudança" (Ŝanĝo).

La ĉefaj interesoj de João estas centritaj sur dramaturgio, literaturoj, lingvoj, muziko kaj pentrarto. Li estas asistanto, pri dramo kaj pentrarto, de La Karavelo. En aprilo 2008, aperis la poezia libro "Mão por mom – Mom por mão", kies aŭtoroj estas Irlando Ferreira kaj João Pereira Santos.

***de João José Santos***


***Foto: 2000-01-29 - Joĉjo, tiam 11-jaraĝa, ricevas je la mano de la tiama urbestro de Alcochete, la esperantisto Miguel Boieiro, sian diplomon de Esperanto 3.***


Foto de Irlando Delgado Ferreira.

Kaboverdo kaj Portugalio...
man-en-mane...

**de Irlando Ferreira**

## Rezistado

**(el la libro "Mão por mom – Mom por mão")**

**trad. João José Santos**
**el la kaboverd-kreola lingvo,**
**helpe de la aŭtoro**

Ne eblis rezisti.
Vi luktis ĝis fino.
Via fino estis komenco,
Komenco de lukto inter roko, maro kaj landidoj.
La malsato ne sufiĉis,
Brava estas popol' nia,
Viaj vortoj estas nia kuraĝigo,
Vian korpon prenis la sangiga tempo,
Sed la frukto de via menso daŭre
Al ni donas forton lukti kaj sekvi antaŭen...

"La lukto daŭras"

**Irlando Jorge Delgado Ferreira**

naskiĝis en la 1-a de oktobro 1981. Li studentas pri produktado en "Escola Superior de Teatro e Cinema (ESTC)", kiu situas en la urbo Amadoro, proksime de Lisbono. Li debutis en produktado en "Mostra de Cinema Oia", en 2004. En la sekvanta jaro, li aniĝis en "Associação Cultural Fou – Nána Projectos", en "São Vicente", Kaboverdo, lia denaska lando. Ekde 2006, li laboras en "Teatro Nacional D. Maria II", pri scena direktado kaj lum-zorgado, kunlaborante en projektoj kun João Mota kaj António Feio. Nuntempe, krom la studenta laboro en "ESTC", li kunlaboras en la projekto *La grasulino*, de Neil Labute, en "Teatro Villaret" en Lisbono. En aprilo 2008, aperis la poezia libro "Mão por mom – Mom por mão", kies aŭtoroj estas Irlando Ferreira kaj João Pereira Santos.

**biografieto farita de**
**João Pereira Santos kaj João José Santos,**
**laŭ datenoj de la aŭtoro**

## La muziko laŭ la elmigrinto

**(el la libro "Mão por mom – Mom por mão")**

**trad. João José Santos,**
**el la portugala**

**Estas manumi surkape serenante la saŭdadon.**
**Estas vojaĝi al l' origino ne elirante.**
**Estas senti la vibron de sia popolo, ne povante ĝin akompani.**
**Estas plori pro l' deziro esti tie.**
**Estas veki la volon brakumi l' amikojn, kiuj restis for.**
**Estas aŭdi la melodion, kiu portas la memoron de l' koramikino.**
**Estas danci nian landon en alies lando.**
**Estas voli brakumi kion la brakoj ne alireblas.**
**Estas la rememoro de l' muzikoj, kantitaj de l' panjo infanaĝe.**
**Estas aŭdi la kanton de l' espero.**

**[foto de kaboverda plaĝo]**

# Kaboverdo

***La afrika portugallingva lando, kies landanoj averaĝe parolas pli normigitan portugalan lingvon.***
















